





41° JARO

N.ro 3






# itala fervojisto

ASSOCIAZIONE ITALIANA FERROVIERI ESPERANTISTI Sede: DOPOLAVORO FERROVIARIO BOLOGNA Via De' Poeti, 5/2 - 40124 BOLOGNA - Italia




**Informa Bulteno**

SEPTEMBRO - DECEMBRO - 1991

# QUOTE SOCIALI

Nel ricordare che la quota sociale IFEA 1992 e` passata a L. 15.000= e che la quota FEI a L. 30.000=, riepiloghiamo alcune possibilita` di pagamento:

A) IFEA (per tutti) L. 15.000,
B) FEI (ordinario) L. 30.000,
C) FEI (giovane o fam.) L. 15.000,
D) Circolo Culturale Gruppo Esperanto DLF Bologna L. 10.000,
E) Idem cs, gia` iscritti ad altro gruppo culturale DLF L. 5.000,
F) Frequentatore DLF BO L. 5.000,
g) Distintivi IFEF+altri L. 3.000,
Tutti i soci devono portarli!
h) Catalogo Fondo libri L. 3.000,
L. Bonora: molto utile per tutti i lettori, ricercatori, ecc.
i) Historio de IFEF L. 3.000,
L'epopea dei ferrovieri esp.isti!
l) Fervoja Terminaro L. 8.500,
Il lessico ferroviario in Esp.to.
m) L'E.to in Emilia-R. L. 10.000,
L. Tadolini: una storia che si fa' leggere come un romanzo.
n) La lingua pericolosa L. 30.000
U. Lins: i nemici dell'Esperanto e le sofferenze degli esperantisti.
o) Una voce per il mondo L. 38.000,
V. Lamberti: la biografia di Zamenhof in italiano.
p) = Ĉu vi deziras kor.di? L. 1.000
Modelli di lettere e frasi molto utili per la corrispondenza!

Esempi di combinazioni di quote:

- A) + B) = L. 45.000,
- A) + C) = L. 30.000,
- A) + D) = L. 25.000,
- A) + E) = L. 20.000,
- A) + B) + D) = L. 55.000,
- A) + ecc. + g) ecc. (L. 15.000 + ecc. + eventuali spese postali (per chi non ha un indirizzo FS) per le richieste da g) a o).

N.B.: per un minimo di tre distintivi: invio gratuito!

C.C.P. IFEA: 19336403.

La Kasisto




# NUOVE ADESIONI-RIADESIONI ALL'I.F.E.A. - BENVENUTI!

| | |
|---|---|
| ANDREOLI Flavio | Mestre VE |
| ANGIOLINI Giorgio | BO |
| ANGIOLINI Fabrizio | BO |
| BOTTA Maria | BO |
| CAVICCHI Annarita | S.Giorgio di P. BO |
| DE ROSSI Michele | Maerne VE |
| FARINAZZO Giuseppina | Chirignago VE |
| PEPPOLONI Anna | BO |
| RUSSO Giuseppe | Mestre VE |
| STELLINO Loredana | Mestre VE |

# UN GRADITO "DI PIU'" MILLE GRAZIE! MILLE!

| | |
|---|---|
| BONORA Rosanna | L. 70.000 |
| BORRELLO Enrico | L. 2.000 |
| CORSO Gino (Kongreso) | L. 100.000 |
| GAUDINO Nada | L. 2.000 |
| GIULIANO Giuseppe | L. 5.000 |
| LICOFONTE Ezio | L. 5.000 |



# INSTRUISTOJ SERĈATAJ

Mi ricevis kaj plezure disdonas gravan informon por la disvastigo de Esperanto.

"Oxford Institute", Parma-filio, serĉas instruistojn kiuj bone povas

lernigi al siaj novaj kaj ne novaj lernantoj la rusan lingvon kaj samtempe ankaŭ Esperanton.

Oni preferus (por la rusa) rus-parolanton, sed estas same grave ke li/ŝi bone regu Esperanton.

Mi esperas ke baldaŭ aliaj institutoj pri fremdaj lingvoj sekvos la ekzemplon kaj ankaŭ ili instruu la internacian Zamenhofan lingvon.

Vittorio MADELLA



# ITALA KONGRESO DE ESPERANTO

Kun la subtitolo "Esperanto por la defendo de la etnaj lingvoj kaj la minoritaj kulturoj" okazis en Torino, 23-26.08.1991, la 62a itala kongreso de Esperanto.

Reprezentis nian Grupon "La Gondolo" Serio Boschin, Antinio Jonico, Giancarlo Rinaldo, Domenico Trombetta, krom kiu skribas, kvankam nur mallonge pro laborkŭazoj.

La kongresoj estas okazoj en kiu oni povas renkontiĝi kun homoj el tuta Eŭropo kaj ankaŭ el aliaj mondpartoj kaj pridiskuti interesajn novaĵojn, nuntempajn problemojn kaj precipe iliajn solvojn, laŭ nia senperforta vidpunkto, kaj ne nur disvastigi la Lingvon.

Ke Esperanto ne konsistas nur el vortoj montris la konferenco de la pioniroj de la farmejo-lernejo "Bona Espero", sabate 24.08. Tiuj niaj samideanoj fondis lernejon kie antaŭe estis nur la plej kompleta marĝenigo, kies efektoj estas perforto, rabado, ekspluatado, epidemioj.

La ĉefajn obstaklojn kiujn ili renkontas estas sekeco, malsato, malklero, kontraŭ kiuj la registaro ne povas/volas trovi solvon: ne estas mono por konstrui lernejojn sed ĝi ne mankas por stadionoj.

Nia geamikoj montris en filmo kiel aperis la loko antaŭ kelka jaro: ĉio estis stepo, dezerto. Kie ili mem instalis la unuan pumpilon nun estas vilaĝo: "Facenda Escola Bona Espero" kaj la knaboj povas studi, paroli en Esperanto, ludi, sed ĉefe oni devas ankaŭ pene labori por plivivi. Ili sinregas danke al la helpo flanke de la esperantistaro, sentema kaj solidala pri la afero, kaj parte per rikoltado el la kampoj kiujn ili mem kultivas.

La vivo estas ege dura sed plena, danke al la solidareco kaj efortoj de la ses pioniroj, kiuj lasis sian originan landon por idealo ne komprenebla je ĉiuj, sed produktiva de neimageblaj fruktoj. Esperanto ĉiam estas rimedo por alvoki al solidareco kaj al kundivido.

Ĉi-foje ĝi eĉ donis nomon al loko, kiu nun estas sur la mapoj de Brazilo. "En la laste eldonita oficiala mapo de brazila ŝtato Goias" oni legas en Heroldo 05.05.1991 "Escola Bona Espero aperas kiel geografia loko, unua paŝo por ĝia rekono kiel "Urbo"! Eble temas pri unikaĵo, tiu geografia nomo en Esperanto".

Ni ĉiuj bondezire ricevis saketon kun kafsemoj kaj purajn nelaboritajn kristalojn kolektitajn de la knaboj.

Paola AMBROSETTO





*3a Konferenco el la Ciklo "La Mondo de la Parolo", 24an.10.1991. Prelegas d-ro Romano BOLOGNESI.*

# GRANDA EKSPOZICIO KAJ KONFERENCOJ EN BOLONJO

Post interkonsento kun la Kultura Komisiono de urba Kvartalo "Sâvena" la fervojistoj, kunlabore ankaŭ kun aliaj esperantistoj en Bolonjo, organizis ekspozicion pri la internacia komunikado, por la disvastigo de Esperanto, kies nomo estis "La mondo enpoŝe". Ni organizis belan elmontron laŭlonge de 35 metra fronto per afiŝoj, prospektoj, bildkartoj, presartikoloj, leteroj, poŝtmarkkolekto, propagandiloj; libroj, revuoj kaj gazetoj en vitroŝrankoj, ktp.

La propagando, organizita de la Esperanto-Grupo de la fervojistoj de DLF, estis farita per grandaj murafiŝoj algluitaj senpage en la urbo fare de la Komunumo, per diverstipaj propagandiloj disdonitaj mane aŭ senditaj perpoŝte (pli ol 600 invitojn) kaj ankaŭ per presanoncetoj, kiuj estis vaste legataj.

Ĝi estis vizitita de multaj homoj kaj multaj pli trairis kaj travidis ĝin por iri al la diversaj giĉetoj kaj oficejoj.

Ĉe la fino de la ekspozicio kaj po ĉiu ĵaŭdo ekde 10.10 ĝis 7.11.1991, d-ro Romano BOLOGNESI prelegis kvin konferencojn pri la lingvoj en la mondo kun la ĝenerala nomo "La parolmondo", ekde kiam la homo komencis paroli ĝis la nuntempaj lingvoj, kaj ankaŭ pri la artefaritaj lingvoj kiel (ĉefe) Esperanto. Ja li faris longan kaj laciĝan laboron, por serĉi informan materialon, elekti diapozitivojn (fotado d-ro Bonora), verki memornotojn, ktp.

Po ĉiu renkontiĝo ĉeestis averaĝe 40 homoj, do entute ĉirkaŭ 200 kapa publiko, esperantistoj de Bolonjo kaj el diversaj urboj, krom diversaj scivolemuloj, kiuj ĝuis la klerigaĵojn.

Espereble ke li iam povos revizii siajn paĝojn da notoj, pli ol 50, por ke ni havu en la manojn utilan kaj tre interesan verkon.

Danke al li, al la samideanoj Giuseppe Bedosti, Mario Amadei, Gastone Boragini, Lanfranco Bonora (kaj al mi mem), kiuj kunlaboris en la arangado kaj al ĉiuj aliaj dum la gardado, ĉio vere bone sukcesis.

Sergio NEGRONI



# ESPERANTO - KURSOJ EN BOLONJO

La 25an de junio okazis en la sidejo de DLF Bologna la ekzamenoj fine de kursoj regitaj de d-roj Lanfranco BONORA kaj Romano BOLOGNESI (kandidatoj: Antonio CICCARONE, Raffaella COSTA, Lina GATTI, Leda INCERTI Mirri, Rossana SELLERI Bedosti), de prof-ino Florenza TOVOLI Codice' (Eles CALASTRINI Zamboni, Luca CIONI, Morris MERIGHI, Dario NAEIMI, Romana ZAMAGNI Palmioli) kaj de prof. Lieto CASADIO (Cecilia MERCATI, Elena ORSINI, Vera RUSCELLI).

Ĉiuj sukcesintoj estis festitaj kaj ricevis korajn gratulojn kaj la diplomatestojn dum la cerimonio kiu okazis en Bolonjo la 27an de oktobro en salono de la Sociala, Distra, Kultura Rondo "Saffi".

Dum la manifestacio, organizita kunlabore de la Bologna-IIE-Katedro, la Esperanta Grupo "A. Tellini" kaj la Fervojista Esperanto-Grupo, intervenis d-ro BOLOGNESI, katedrestro en Bologna kaj IFEF-Sekretario, Prof. Giordano FORMIZZI kaj d-ro Valerio DALLA, resp. prezidanto kaj vicpr. de Itala Esperanto-Federacio. Alparolis la multnombran publikon ankaŭ aliaj samideanoj.

Post komuna tagmanĝo okazis kunveno, regionnivela, fare de la Emilia Romagna-Kunordigiga Komitato.

Ekde la 5a de novembro komencis novaj kursoj ĉe DLF (d-ro BONORA, I-grada, ĵaŭde, d-ro BOLOGNESI, II-grada, marde) kaj en Mezlernejo "Graziano" (prof. Florenza CODICE', I-grada, ĵaŭde).

Germano GIMELLI

# ESPERANTO - KURSOJ EN VENECIO

La 7an de julio en Treviso finiĝis la kursoj de Esperanto de la Venecia Grupo "La Gondolo", per la tradiciaj ekzamenoj.

Superis la 1an gradon: Bruna BOTTOLO, Ludovico DOSSENA, Paolo DOSSENA, Nadia LORENZON, Elisa MARCHIORI Dossena, Giovanni NACCI, Maria SORRENTINO, Luciana Maria Luisa TOFFOLI, kaj la 2an gradon: Gianfranco CAZZARO, Guido GENTILE, Luigia MARTELLONE, Giancarlo RINALDO.

Varman gratulon al ĉiuj kaj koran dankon al kiuj kunlaboris por efektivigi la kursojn, ĉefe al la nelacigebla inĝ. Trombetta kaj al d-ro Boschin kiuj de multaj jaroj sindone dediĉas sin al la instruado de Esperanto.

---

La Esperanto-Grupo "La Gondolo" ĉe DLF en Venecio kaj Mestre, kunlabore kun la Kultura Grupo "EPOS" (Stud-agaj spertoj kaj proponoj) organizas du kursojn de Esperanto por la lernojaro 1991-92.

Unu el ili gvidas ĉiun lundon, 17–19, inĝ. Domenico TROMBETTA, ekde 11.11.1991. La dua regas prof. Flavio ANDREOLI ĉiun merkredon, 18-20, ekde 06.11.91.

La grupo disponigas ankaŭ librojn en kaj pri Esperanto, krom informmaterialojn kaj didaktikajn aŭdkasedojn.

La adreso de la kursejo kaj biblioteko estas en Mestre, Via Sernaglia 14. Por ĉiu informo, telefonu al la Sekretariejo 041/926358.

Renzo MANTOVAN



## FERVOJISTA AGADO EN VENECIO

Krom la kursoj, pri kiuj ni jam diris, la Grupo "La Gondolo" vigle partoprenis en laborkunvenoj de IEF (Itala Esperanto-Federacio), IFEA (Itala Fervojista Esperanto-Asocio) UECI (Itala Unuiĝo Katolikoj Esperantistoj), ERA ("Esperanto"-Radikala Asocio).

Cetere niaj delegacioj partoprenis en la kongresoj en Olomouc (CS), 11-17.05.1991 (IFEF-Kongreso) kaj en Torino, 23-26.08.1991 (Itala Kongreso de Esperanto).

Pri la venontaj kursoj ni jam informis kaj kun ĝojo ni anoncas la organizon de konferenco pri "Eŭropo kaj la lingva problemo", kunlabore kun "Epos", en la salono de la urbodomo en Mestre, 06.03.1992. Prelegos d-ro Serio Boschin.

Oni planas partopreni en diversaj kongresoj/aranĝoj (inter kiuj IFEF--Kongreso en Münster (D), 16-22.05. 1992), en Espolingue 1992 kaj organizi karnavalfeston kune kun "Epos" ĉe DLF-Mestre, februare 1992.

Ni kore invitas vin ĉiujn.

Paola AMBROSETTO

## ITALAJ POPOLDIROJ

## REGIONAJ PROVERBOJ

"Se vi deziras viajn gefilojn riĉaj kaj kontentaj, kreskigu ilin malriĉe". (Piemonta proverbo)

"Kuglon pafitan kaj leporon maltrafitan, neniam vi rekaptos".
(Latia proverbo)

"Tabakpinĉeron kaj rekomendleteron, oni neas al neniu".
(Piemonta proverbo)

"Militoj kaj kuracistoj senpopoligas la teron". (Toskania proverbo)

"Kapro iras de pinto al pinto, obscedo de buŝo al buŝo.
(Sardia proverbo)

"Kiam la diablo vin karesas, li volas vian animon". (Sicilia proverbo)

"Al graveda virino, oni neu nenion"
(Kalabria proverbo)

"Ne akceptu konsilojn de eraremulo"
(Venetia proverbo)

"Al mensogulo oni ne kredas eĉ kiam li diras veron".
(Lombardia proverbo)

Elitaligis RoBo



## BOLONJAJ PROVERBOJ

"Dormas tri horojn koko, kvar ĉevalo, kvin vojiranto, ses kavaliro, sep homa korpo kaj oke porko".

"La unua kokino kiu kantas, demetis ovon".

"Malgranda koko ĉiam aspektas kiel kokido".

"Unue oni estu helpanto, poste mastrumanto".

"Kiam ne estas kato, musoj danzas".

"Pli bone havi ovon hodiaŭ ol kokon morgaŭ".

"Soldato ĉe milito: li malbone manĝas kaj ne dormas en lito".

"For de la okuloj, for de la koro".

"Tute frenezas, kiu sen muziko dancas".

Elbolonjigis RoBo

## FAMDEVIZOJ EL FAMULOJ

"Kiel strange: la unuaj simptomoj de amo en junaj viroj estas timemo kaj aŭdaco en virinoj". (V. Hugo)

"Morala leĝo estas homa. Kiam homoj formulas nehoman leĝon, ili perfortas la moralan". (Konfuceo)

"Al tro postulemaj ne cedu pro laciĝo, kion vi rifuzas pro justeco". (Rondelet)

"Ĉio estas, aŭ povas esti, kontenta pri si mem krom la Homo. Tio montras, ke lia ekzisto ne rilatas nur al ĉi tiu mondo". (Giacomo Leopardi)

"La Homo estas granda, ĉar li konscias pri sia mizero. Arbo tion ne povas fari". (Blaise Pascal)

"Oni laboras senpripense, ĉar tio estas la sola maniero por igi la vivon tolerebla". (Voltaire)

Elitaligis RoBo



## AMIKA VIZITO

La 21an de oktobro 1991 vizitis nian sidejon la kolego Jaroslav POKORNY (CS), kiu dum periodo estis en Italio kaj en Bolonjo. Ni memoras lin inter la helpantoj de la LKK en Olomouc.

Ni pasigis ion da tempo en amikeca babilado, rememorante pri la bela Kongreso kaj montrante al novulino kiu komencis kurson la taŭgecon de nia bela internacia lingvo.

RoBo



## MALFERMO DE LA JARAGADO KAJ DISDONO DE DIPLOMOJ

Kunlabore kun la Bolonja Esperanto Grupo "A. Tellini", la urba Katedro de E-to kaj IFEA, la Fervojista Grupo en Bolonjo festis la oficialan malfermon de la agadjaro (kiu, cetere, neniam haltiĝas).

En la salono "Saffi" de la komunuma Kvartalo "Porto" ĉeestis ĉ. cent homoj el Bolonjo kaj multaj urboj. Partoprenis kaj paroladis, post prezento fare de s-ano Gastone BORAGINI, GEB-Prez., prof. Giordano FORMIZZI, Prez.to de IEF, d-ro Valerio DALLA, Vprez.to de IEF, d-ro Romano BOLOGNESI, Sekr. de IFEF kaj IFEA, kaj Katedrestro en la urbo.

Tra aplaŭdoj ricevis la Diplomojn kaj komplimentojn la kursanoj: Eles CALASTRINI Zamboni, Antonio CICCARONE, Luca CIONI, Raffaella COSTA, Lina GATTI, Leda INCERTI Mirri, Cecilia MERCATI, Morris MERIGHI, Dario NAEIMI, Elena ORSINI, Romana ZAMAGNI, Vera RUSCELLI kaj Rossana SELLERI Bedosti, kiuj estis preparitaj de R. Bolognesi, L. Bonora, L. Casadio, F. Tovoli.

En la okazo parolis diversaj partoprenantoj pri diversaj aspektoj de la esperantista agado.

Post kumuna manĝo en restoracio estis kunveno de la Regiona Kunordigorganizo.

RoBo



## COMITATO ESECUTIVO IFEA
## - PADOVA - 17.11.1991 -

Presso i locali del DLF, via D'Avanzo, Padova, il giorno 17.11.1991 si e` svolta la riunione del C.E. IFEA per trattare gli argomenti posti all'O.d.G.

Alle ore 10,00 sono presenti i Consiglieri Paola AMBROSETTO, Romano BOLOGNESI, Antonio DOTTO, Enrico MOLESINI e Claudio PAVESI. Sono assenti Leonello CARLETTI e Sergio NEGRONI.

Sono presenti anche il Presidente Germano GIMELLI, i soci: Serio BOSCHIN, Pasquale CECI, Gino CORSO, Elisa GUALANDI Bolognesi, Vittorio MADELLA, Agostino MANTOVANI, Renzo MARCHETTO, Giovanni MARCHIORI, Lucia PIPITONE, Giancarlo RINALDO, Delvina STANGHELLINI Gimelli, Vito TORNILLO, Domenico TROMBETTA, Adamo VALLESE, Dea VERONESE Marchiori.

Presiede Gimelli e verbalizza Bolognesi.

1) Il Segr. informa i presenti sulla situazione organizzativa per il Congresso riferendo dei suoi contatti con i Comuni di Ravenna e Cervia e con l'A.P.T. di Ravenna. Essi sono stati favoriti dal Pres. del DLF di RA, Nerio Dante SAVINI che lo ha sempre gentilmente accompagnato e al quale va il grazie dell'IFEA.

Poi si discute a lungo sul modo di coinvolgere anche altre organizzazioni e strutture nella nostra iniziativa.

Bolognesi intende inviare diverse lettere, fra cui:
- Lettere annuncio e richiesta patrocinio e altro al Comune di Cervia;
- Lettere annuncio e richiesta patrocinio Provincia RA e Regione Emilia Romagna.
- Lettere annuncio alla Direz. Gen. FS Roma alla Dir. Comp. FS di BO;
- Lettera annuncio a: FEI, UEA;
- Lettera richiesta collaborazione ai Gruppi Esperantisti di BO e RA;
- Lettere circolari annuncio a tutti i DLF in Italia (c. 160).

Rinaldo suggerisce di organizzare una riunione presso il DLF C.le di Roma per illustrare il Congresso.

Ceci propone di consultare le altre attivita` culturali che fanno capo alla FISAIC al fine, eventualmente, di avere piu` forza.

Madella riterrebbe utile convocare una riunione dei DLF in cui c'e` attivita` esperantista.

Bolognesi si intrattiene sulla disponibilita` all'interno del DLF di Bologna e nel DLF Centrale a Roma.

Ceci si chiede con che cosa e in che modo l'A.P.T. potra' aiutare la nostra organizzazione.

Viene poi avanzata la proposta di organizzare un'asta per riuscire a reperire dei fondi. L'iniziativa potrebbe essere valida, ma occorrerebbero oggetti attrattivi e una buona occasione.

Si discute delle date e il CE/LKK si orienta per i giorni 6 - 12 giu-

gno 1993.

2) Circa gli incarichi nel LKK-'93 Bolognesi legge il verbale della seduta precedente del CE IFEA del 23/6/1991.

Vengono cosi` ribaditi gli impegni e precisati gli incarichi non ancora assegnati. Il LKK sara' formato cosi`:

- Romano BOLOGNESI: Presidente;
- Enrico MOLESINI: VicPr.-Libro del Congr./Bollettini/Contatti stampa;
- Vito TORNILLO: Segretario;
- Gastone BORAGINI: Cassiere;
- Serio BOSCHIN: Conferenza(e) e Novita` ferroviarie;
- Pasquale CECI: Sistemazioni logistiche ed escursioni;
- Elisa GUALANDI: Programmi culturali e artistici.

Sono poi ribadite dai presenti (o per delega da alcuni assenti) le intenzioni di aiutare, che accettiamo (accetteremo) da parte di tutti i bendisposti, come:

- Angelo AMBROSETTO: escursioni, traduzioni, ecc.;
- Vittorio MADELLA: traduzioni, turismo, ecc.;
- Paola AMBROSETTO, Gino CORSO, Antonio DOTTO, Renzo MARCHETTO, Sergio NEGRONI, Claudio PAVESI, Giancarlo RINALDO, Vito TORNILLO, Domenico TROMBETTA, Adamo VALLESE, ecc: Aiutanti (Helpantoj).

3.1) Circa la mostra e le conferenze sulle lingue e sull'Esperanto al Quartiere Savena di Bologna, Bolognesi esprime le proprie impressioni e quanto ha percepito dai visitatori, che sono state del tutto favorevoli. In seguito a cio' Bolognesi e` stato invitato a partecipare alla Commis.ne Cultura del Quartiere.

3.2) Sull'esigenza di convocare una riunione LKK-Helpantoj in un fine settimana a Cervia, tutti sono d'accordo. Si decide di organizzarla per i giorni 18-19 gennaio 1993.

Programma previsto:

- 18.1: arrivo il mattino; pranzo; lavori; cena; serata insieme;
- 19.1: colazione; lavori; pranzo; partenza il pomeriggio.

3.3) Riguardo a una successiva riunione, si rinvia la decisione. Prevale pero` l'orientamento per un ritorno a Cervia, piuttosto che andare in un'altra localita`.

3.4) Riguardo alla stampa del Terminaro Italiano-Esperanto e inverso, non ci sono novita`, in quanto non bastano i fondi per pagare la tipografia. Occorrera` rilanciare la campagna di prenotazione.

Romano BOLOGNESI



## ESPERANTO

En la sunplena dezerto de la vivo
estas ama semo Esperanto.
Kaj iam bela flago
enhavanta kvinpintan stelon
de la kvin kontinentoj la espero
el la senmakula packampo
flirtos tra la mondo.
La ŝtatoj ne havos limojn plu,
la koroj ne havos plu koloron.

Amerigo Janakono

## ESPERANTO

Nel deserto assolato della vita
come un seme d'amore è l'Esperanto.
E un giorno la bandiera
con una stella verde a cinque punte
dei cinque continenti la speranza
nel kampo immacolato della pace
sventolerà nel mondo.
Gli stati non avranno più confini
i cuori non avranno più colore.

Amerigo Jannaccone

## MALNOVAJ IFIB-NUMEROJ

Ni ankoraŭ posedas ekzemplerojn de diversaj pasintaj numeroj de nia IFIB, kiujn ni volonte sendos al kiuj deziras kompletigi kolekton aŭ uzi ilin propagandcele. Mendu ĉe: IFEA, Via de' Poeti 5/2, I-40124 BOLOGNA.

## ZAMENHOFA TAGO EN VERONA

Ĝuste dimanĉe la 15an de decembro, la kolegoj amikoj de la Fervojista Grupo en Verona organizis en la sidejo de DLF porparoligan renkontiĝon. Tio estis la plej interesa flanko de la evento: fakte alkutimigi la ĉeestantoj aŭdi kaj utiligi la lingvon.

Partoprenis ĉ. 40 homoj, kiuj ĝuis tiun specialan etoson. Por DLF salutis la Kultur-konsilanto kaj Enrico Molesini klopodis por ke ĉiuj estu en la kondiĉoj havi sian spacon por doni kontribuon en la diskuto.

Post komuna bongusta manĝo, kelkaj restis kaj aliaj alhejmiĝis.

Ĝi stis bela tago kaj imitinda ekzemplo por aliaj grupoj.

RoBo

## PREZENTO DE BIOGRAFIO DE D-RO ZAMENHOF

La 19an de decembro 1991, en prestiĝa sidejo en la centro de Bologna urbo tre ŝatata de la malaperinta aŭtoro Vitaliano LAMBERTI, kiu bedaŭrinde nin lasis kaj ne povis vidi la presaĵon, okazis prezento de la 350-paĝa libro en la itala "UNA VOCE PER IL MONDO, Lejzer Zamenhof il creatore dell'Esperanto" (VOĈO POR LA MONDO, L.Z., la kreinto de E.).

Ĉeestis la vidvino, s-ino Silvana, la loka peranto de la Eldonejo "Mursia", eminentuloj, ĵurnalistoj kaj tre vasta publiko, kiu (iuj staris) plenigis la pli ol dekokseĝan salonon. Post enkonduko de Gastone BORAGINI, Prez. de GEB, prelegis s-ano Norberto SALETTI por recenzi tre akuratan kaj prilaboritan historian verkon, vere taŭga por konigi la tiamajn vivkondiĉojn, Zamenhof-n kaj liajn familianojn kaj Esperanton, cele al ne movadanoj; kaj sekve intervenis la subskribinto por aldoni personajn impresojn pri la biografio kaj pri la bonegaj rilatoj, kiuj delonge estis inter si kaj sia bona amiko ŝakisto-verkisto.

La ĉeestantoj pli ol atente sekvis kaj emocie partoprenis en vespero, kiu estis ankaŭ okazo de memorigado de la "Zamenhofa Tago" (t.e. lia naskiĝdatreveno, la 15an de decembro) kaj la Tago de la esperanta libro.

Romano BOLOLGNESI



## REDAKCIAJ ADRESOJ

Malgraŭ nia informo pri la malapero de la iama neforgesebla redaktoro Geo Climelli, kelkaj leteroj ankoraŭ atingas lian adreson.

Bonvolu do sendi redakciajn korespondaĵojn al la asocia adreso:
Via de' Poeti 5/2, I-40124 BOLOGNA,
aŭ al tiu de la Sekretario:
Via Misa 4, I-40139 BOLOGNA;
(por urĝaj komunikoj, resp. telefonu: 0039/(0)51/6306347 -/547247);
aŭ al la adreso de la Redaktoro:
Claudio PAVESI, viale Giulio Cesare 239, 28100 NOVARA, -/(0)321/474445.

## REAGO RICEVINTE IFIB-n

Kvankam alvenis nombraj reagoj kaj ĉiam cele al organizo de ekspozicio, ni deziras ricevi reago-signon de ĉiuj, kiu loĝas eksterlande.
Do, ni petas vin sendi karton, prefere bildkarton, kun nomo (persona resp. societa, radakcia) adreso kaj simplaj salutvortoj.
Anticipe dankante, ni aldonas nian asocian adreson:

IFEA (Itala Ferv. Esperanto-Asocio)
Via de' Poeti 5/2
I 40124 BOLOGNA (Italio)



## ESPERANTO KAJ POLITIKO

Jam de pluraj jaroj la "Radikala Partio" (Partito Radikale = PR) apogas diversmaniere la disvastigon de Esperanto. Tiu partio kiu nomas sin "transnacia", uzas nian Lingvon kaj reklamas ĝin kaj nian movadon pere de sia organo "Radikalaj Novaĵoj" kaj de sia radiostacio "Radikala Radio"). Cele helpi E-on naskiĝis "Radikala "Esperanto"-Asocio".
La eŭropa deputito Marco PANNELLA, kiu estas kunfondinto kaj la elstarulo de la partio, partoprenis en la 62a Itala Kongreso de Esperanto en Padova pasintjare. En sia interveno li faris gravajn praktikajn proponojn por la enkonduko de E-o enla Eŭropa Komunumon, pri kiu multe raportis ankaŭ la esperanta gazetaro. Nun speciala eldono de "Notizie Radicali" aperis, tute en E-o sub la nomo "LA PARTIO-NOVA" kiu estas sendita al la membroj de la Eŭropo-Parlamento kaj al parlamentanoj de la leĝdonaj asembleoj (ankaŭ regionaj kaj federaciaj) en 35 landoj (pli ol 40.000 - kvardek mil - politikistoj).

Ge-Gimelli

## PENSOJ

Mi ŝatas antikvajn, malnovajn librojn.
Serĉante ĉe budoj en la urbo Genovo, mi trovis du gravajn sciencajn publikaĵojn. La unua temas pri fotografia tekniko, la alia estas naturscienca vortaro (pri flaŭro, faŭno, mineraloj, ktp).
Eble en aliaj landoj ankoraŭ oni tradukas tiajn verkojn, mi nescias.
Do, mi konstatis kaj pensis ke antaŭe oni tradukis gravajn verkojn; Esperanto estis uzata por ĉiuj tradukoj, ne nur por romanoj kiel nun.
Mi bedaŭras ke dum la nuntempo en Italio oni ne uzas Esperanton kiel antaŭe.

Agostino MANTOVANI

## FERVOJA ALTRAPIDECO

Ŝajnas ke nun en Italio la alta rapideco ekkomencos funkcii. Fakte la "ekstraordinara" administranto Lorenzo NECCI jam mendis 30 elektrotrajnojn el prototipo ETR-500, entute 300 vagonojn kaj 60 lokomotivojn

kiel bazo por stoko da supertrajnoj, sufiĉaj por la estontaj naciaj postuloj.

En la nova veturilaro oni modifos la trakci-moviĝon, oni redesegnos la internon de la vagonoj, ŝanĝante la pozicion de la pakaĵdeponejoj kaj de la telefonejoj.

Por la lokomotivoj oni uzos novan politension por vojaĝi en tutan Eŭropon; nun la diversaj tensioj uzataj en la diversaj landoj devigas la ŝanĝon de la lokomotivoj ĉe la limoj.

Samtempe, unuafoje, kunsidis la administraro de TAV (Trevi Alt-Rapideca) societo intermiksa: publika kaj privata, kiu ricevos de FS (Itala Ŝtata Fervojo), koncesie, la plenon de la plano, la konstruon kaj la ekonomian ekspluatadon de la linioj kaj substrukturoj de la sistemo "Granda Rapideco".

Tio estas memkompreneble, la starto de kolosa laboro. Certe la ciferoj de la plano estas grandegaj; por konstrui la grandan "T"-n, nome la fervojliniojn Milano-Napoli kaj Torino-Venezia, koneksiĝanta en Milano. La kostoj inkluzivas kaj la fervojajn laborojn kaj la civilajn instalaĵojn, la ekipaĵojn kaj la teknologiaĵojn.

Al tiuj oni aldonu la kostojn de la rulanta materialo, la urbajn nodojn kaj la instalaĵojn plurfunciadajn. Entute ĝi kostos 27 mil miliardojn da liroj, t.e. 23 miliardojn da US$. "Ente Ferrovie" (Fervoja Institucio, t.e. la lasta nomo de F.S.) antaŭvidas la starton de la laboroj komence de 1992a por la linio Bologna-Firenze kaj inter Romo kaj Napoli, kaj en la dua duonjaro por tiuj Milano-Bologna kaj Torino-Venezia. Nun la Firenze-Roma, per la novkonstruita "Direttissima" estas bone ekipita por nova sistemo. La tempodaŭro de la konstruado de ĉiu linia parto estas antaŭvidita dum tri jaroj.

Estas jam en evolua stato ankaŭ la klopodoj por interkonsento flanke de FS, Regiono Liguria kaj konsorcioj da privataj entreprenoj, por la realigado de la fervoja kunligo je alta rapideco de Genova ĝis Milano kaj Genova ĝis Ventimiglia kaj la franca landlimo. Tiu kunligo kun la franca-hispana kotidoro, realigos tiamaniere la unuan internacian konekson je "Alta Rapideco" kun aliaj landoj de la Eŭropa Komunumo. La laboroj devos komenci dum oktobro 1992a kaj fini dum 1997a.

FS krom al la "Alta Rapideco" klopodas ankaŭ programi novajn financajn investadojn por 2.200 miliardoj da liroj por renovigi la rulantan materialon kaj realigi la "juniĝadon", modernigadon de la lokomotivoj por kiuj la meza tempodaŭro de funkciado estos mallongigita de 26 al 23 jaroj.

Ge-Gimelli



## KONSTRUADO DE FERVOJO EN ORIENTA ĈINIO

Konstruado de fervojo en orienta Ĉinio (KFOĈ) estas Ŝtata ĉefa projekto, kio estas fortiĝado kaj refomado de fervojo en granda skalo.

KFOĈ estas inkluziva de la konstruado de 473 km da novlinioj; 740 km da dutrakaj linioj; 513 km da elekelektrizitaj linioj kaj aliaj 17 grandaj kaj mezgrandaj projektoj.

La totala investaĵo estas 70 cent milionoj da Yuanoj(RmB), egale $12, 8 cent milionoj.

Ĝis la lasta jaro, la investaĵoj jam plenumis je 68,3 cent milionoj da Yuanoj ($12,8 cent milionoj) pere de kuraĝa batalo de 100.000 vojlaboristoj en kvar jaroj.

La parto de la kompletigitaj investaĵoj estas: 310 km da novlinioj; 395 km da dutrakaj linioj kaj Shanghai stacidomo Xuzhou centra rangada stacio. Inter ili la grava parto estas unue elektrizita linio je 513 km en orienta Ĉinio.

En la fino de ĉijaro, la aliaj projektoj, kiel la dua granda ponto super Qiantang Jiang Rivero en Hangzhou, Jiangsu Provinco kaj Yingan ĉefrangada stacio, kompletiĝos.

Do, la konstruado de fervojo en orienta ĉinio, KFOĈ, prezentas sian gravan rolon.

LI SEN

## NI RICEVIS REAGOJN, GRATULOJN KAJ DANKOJN PRO LA BULTENO

Ankoraŭ alvenis diverstipaj favoraj reagoj pro la sendo de nia bulteno kun multaj komplimentoj. Ni redankas ĉiujn, inter kiuj:
Ladislav LA'NI (CS) pri la novaĵoj, pioniroj, proverboj, spritaĵoj;
Horst THEURICH (D) pri la bona enhavo.

RoBo

## LA 44a IFEF - KONGRESO MÜNSTER 16-22.05.1992

Informoj pri la Kongreso kaj ankaŭ pri la Postkongreso: bonvolu atente legi en IF n-roj 4-5-6/1991 kaj noti pri la poŝta kontonumero, kiu ne estas en la aliĝilo kaj kiun ni represas ĉisube.

## POŜTA KONTONUMERO MÜNSTER

Krom la bankokonto notita en la aliĝilo por la 44a IFK Münster eblas ankaŭ pagi perpoŝte, ja pli malmultekoste. Jen la numero kaj adreso:
Konto 4185 66 - 501;
E. HERLITZE, Prof.-Neu-Allee 32,
D-W-5300 BONN 3 (Germanio).
Postgiramt Köln (BLZ 370 100 50).
(Postgiroamt = Poŝtĝira Oficejo;
BLZ = Banka kodo).

## KORESPONDI DEZIRAS

Ĝentila s-ino kiu sendis salutojn el sia Nigramara urbo:
Adina NOISE
Aleea Jasomici 1 Bl.L11,Ap.60
R 8700 COSTANTA (Rumanio)

Diversaĝaj gekomencantoj en kurso ĉe la fervojista klubo
d.k. kun la t.m. pri c.t.:
Gruppo Esperanto D.L.F. Bologna
Via de' Poeti 5/2
I 40124 BOLOGNA (Italio)

## FERVOJISTAJ ESP.-ARANĜOJ

33a I.F.E.S. (Ferv.ta Skisemajno):
Kiam: 8a-15a.02.1992;
Kie: en montara hotelo Husárik ĉe urbo Ĉadca, regiono Kysuce, en orienta parto de montaro Javorníky, norde de urbo Zilina (Slovakio);
Prezoj: tre favoraj;
Adreso: Magdaléna Feifičová, TOM 25/5, CS-010 01 Zilina.

Generala Kunveno de F.F.E.A.;
Kiam: 28a-29a.03.1992a;
Kie: Parizo (F);
Adreso: AFCE - 1bis rue d'Atênes
F-75009 Paris (Francio)

Jarkunveno de A.F.E.F.;
Kiam: 24a-26a.04.1992a;
Kie: Krems a.d. Donau, en Kolping Gästehaus, Ringstr. 46;
Prezoj: 1/2pensiono po tago kaj po persono = ĉ. 300 AŭS;
Adr.: Österreichischer Eisenbahner Esperanto Verband
Postfach 117
A-1103 Wien (Aŭstrio)

44a I.F.K. (IF 4-5-6/91);

Pstkongreso de 44a IFK (IF 4-6/91);
Kiam: 23a-28a.05.1992a;
Kie: Frierichsbrunn/Harzmontaro D;
Prezo: 459 DM por la tuta anranĝo;
Adreso (infor.): S-ano Achim Minel
Leninplatz 31
D-O-1017 Berlin (Germanio)

## ALIAJ ESPERANTO-ARANĜOJ

16a Internacia Junulara Festivalo;
Kiam: 15a-21a.04.1992a;
Kie: La Salle AO (I);
Temo: Eŭropa kuniĝo kaj niaciismoj
Adreso: I.E.J. c/a Marco Angoscini
Via Divisione Acqui 68
I-25126 Brescia (italio).

1a Eŭropa Kunveno de Esperanto;
Kiam: 5a-10a.06.1992a;
Kie: Verona (I);
Temo: La interkomunikado en Eŭropo
Adreso: L.K.K.
Vicolo Ghgiacciaia 3
I-37122 Verona (Italio).

Antaŭkongreso de la 77a UK;
Kiam: 19a-25a.07.1992a;
Kie: Prago (CS);
Adreso: Ĉeĥa Esperanto-Asocio
Jilskä 10
CS-110 00 Praha 1 (Ĉeĥoslovakio).

77a Universala Kongreso;
Kiam: 25a.07-01a.06.1992a;
Kie: Vieno (A);
Adreso: 77a UK, UEA
Nieuwe Binnenweg 176
NL-3015 BJ Rotterdam (Nederlando).

48a Internacia Junulara Kongreso;
Kiam: 2a-9a.08.1992a;
Kie: Motrealo (Kebekio) Kanado;
Temo: Libertempado;
Adreso: L.K.K. de 48a I.J.K.
6358-A, rue de Bordeax
MONTREAL, Québec H2G 2R8 (Kanado).

## SPRITAĴOJ

EN STACIDOMO

Vojaĝanto: "Ĉu mi havas ankoraŭ tempon por saluti mian edzinon?"
Konduktoro: "Tio dependas de kiom da tempo vi estas edzo!"



(el MONATO)



## NI CERBUMAS

### LA MANKANTAJ VORTOJ



| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| | | | | | |

Jen bildo kun kadretoj, en kiuj vi skribu la komencliterojn de la vortoj, kiuj mankas (...) en la proverboj.
Se la solvoj taŭgos, tiuj literoj formos la nomon de la urbo kie estas la desegnita konstruaĵo.

1.... parolo, kion cerbo valoras.
2.... estas beno por ĉiu entrepreno
3.... gardas kontraŭ riskoj.
4. Ne pekas drinkulo, pekas ... .
5.... de leĝo neniun pravigas.
6. Ne rapidu insulti, volu ... .

## LA EGALAĴOJ

= 60

Al kiuj numeroj egalas la kvar desegnoj, se ili ĉiuj sumas 60 kaj la aliaj sumoj estas kiel sur la bildo?

Inter kiuj sendos la korektajn solvojn oni lotumos premion.

Solvoj de la ludoj aperintaj en la numero 2/91.
- La mankantaj vortoj:
Rano, Infana, Muroj, Instruas, Nokte, Ilo = RIMINI.
- La egalaĵoj:

| | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 7 | + 10 | + 21 | + 24 | | = | 62 |
| 7 | + 7 | + 10 | | | = | 24 |
| 7 | + 24 | | | - 10 | = | 21 |
| 7 | + 7 | + 7 | | | = | 21 |

- Neniu sendis la kompletan aŭ korektan solvon por ambaŭ ludoj.



"Mi taksis min inteligenta knabo, sed mi nur havis stultajn gepatrojn..."

# VORTLUDO

Ŝloŝilo (2, 7): inter du etaĝoj.

| | | | | | | | | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| O | R | A | M | O | H | S | I | K | L | O | A | K |
| A | R | M | E | O | D | I | K | A | R | A | R | L |
| O | O | E | I | T | I | T | E | Ĝ | L | E | K | I |
| I | M | R | G | N | D | E | V | O | A | Z | A | N |
| G | A | O | R | A | I | Ĉ | O | Ĝ | N | O | S | I |
| E | O | M | E | T | R | A | J | A | I | K | O | K |
| L | I | A | N | O | K | L | E | R | A | O | R | A |
| I | D | L | E | V | N | E | K | D | J | S | A | R |
| V | A | S | K | R | E | O | N | E | P | A | L | A |
| I | R | I | O | A | D | N | I | N | E | L | K | J |
| R | O | L | K | N | O | O | R | O | L | K | L | A |
| P | D | R | O | G | I | G | T | V | I | Ŝ | T | U |
| F | O | R | N | O | O | A | R | E | P | A | R | O |

| UNUA LISTO (RUĜA) | DUA LISTO (VERDA) |
|---|---|
| AGO | ACETIS |
| AKRO | AMOREMA |
| DENOVE | ARAKIDO |
| DOTE | ARMEO |
| DROGI | ĈIA |
| EJO | DEVO |
| ERAO | ENERGIE |
| EZOKO | GETI |
| FORNO | HOMARO |
| GIGO | IAM |
| GARDENO | IOM |
| INDA | IRI |
| JARA | ISLAMO |
| KAJ | KAGO |
| KIAJ | LIANO |
| KLERA | METRA |
| KLARO | MINIA |
| KLASO | OMO |
| KLINIKA | PRIVILEGIO |
| KLORO | RADIO |
| KNEDO | REGA |
| KOKI | RIDI |
| KOKON | ROMA |
| KREO | SIKLO |
| KRIO | VEKI |
| LANIA | VELDI |
| LEKI | VOTANTO |
| LEONO | |
| NAZA | |
| NEK | |
| NEPALA | |
| ODO | |
| ONI | |
| ONKLO | |
| ORA | |
| PELI | |
| RANGO | |
| RONDO | |
| ŜAKRA | |
| SONGO | |
| TRINKEJO | |

Serĉu kaj ĉirkaŭlimigu per krajono ĉiujn vortojn enlistigitajn horizontale, vertikale, diagonale, al ĉiuj direktoj. Diversaj literoj estas komunaj en kelkaj vortoj. La restintaj, legataj laŭorde, formas la difinitan Slosilon. Tiu ĉi ludo estas dividita en du partoj. Bv. uzi du diversajn kolorojn.

## ĈU NOVA LINGVO ?



La japano Yukio OTA inventis novan "internacian lingvon" konsistanta el 18 geometriaj signoj, interkombinantaj inter ili diversmaniere, kiuj havas apartan sonon kaj signifon.

Ŝajne ĝi ne povos disvastiĝi, ĉar per ili tute ne eblas iu ajn gramatika konstruo.

## RINGRAZIAMENTO

Tramite le pagine dell'IFIB i ferrovieri esperantisti del Piemonte desiderano rigraziare, anche a nome del Comitato organ.re del 62• Congresso Nazionale di Esperanto (Torino, agosto 1991):

- il Segretario del Direttore Compartimentale , Sig. Malfatto;
- il Capo Stazione Titolare di Torino Porta Nuova;
- il Dirigente dei Servizi accessori di Torino Porta Nuova.

Grazie alla squisita disponibilita' di queste persone abbiamo potuto offrire una buona accoglienza in stazione ai partecipanti che hanno utilizzato il treno.

Un rigraziamento particolare va al sig. Cosco (Dirigente dei Servizi accessori) ed ai suoi collaboratori: oltre che metterci a disposizione un vasto ufficio attrezzato di tutto l'indispensabile, ci ha anche seguiti istante per istante, fornendoci un continuo, prezioso aiuto materiale e morale.



## † NIAJ NEKROLOGOJ †

La 7an de decembro 1991 mortis en Bolonjo nia amiko kaj IFEA-membro

**Medardo BIAGI**

je la aĝo de 84 jaroj. Jam de longa tempo li vivis sole.

Kvankam ne fervojisto li estis tre vaste konata ankaŭ en nia medio ĉar krom en multaj Italaj kaj UK, li partoprenis en ĉiuj IFK dum la lastaj du jardekoj. (Li multfoje taksis ilin la plej bone organizitajn).

Kaj, kiel pasia ŝatanto de la montaro kaj skianto, ĝis la fino, li partoprenis en ĉiuj IFES ekde la 13-a en la jaro 1972 en Germanio. Ni ankaŭ memoras lin plurfoje en la staĝoj (Esperanto-Kursoj) organizitaj en Lugano.

Ke li ripozu en paco!

Germano GIMELLI

## REDAKTORA INFORMO

La presmaterialo kaj adresetikedoj estis preparitaj en komputilo de la SK Romano BOLOGNESI; la redaktado estis farita de la SK, Claudio PAVESI, Agostino MANTOVANI, la presado zorge de la SK; la enkovertigo, etiketado, algluado de poŝtmarkoj kaj sendo de la SK, la Ks Sergio NEGRONI kaj aliaj. Dankon al ĉiuj.

La Redakcio

# L SP R NTO KOM N MO

***Kiel vi vidas, sen UEA la Esperanto-komunumo estus apenaŭ rekonebla. Ĝi perdus multon. Eĉ sian sencon.***

Per membriĝo en UEA aŭ ĝia junulara sekcio TEJO, vi aliĝas al tutmonda reto de pli ol 8 000 individuoj kaj 100 landaj kaj fakaj asocioj. Viaj estas:

**La kontaktoj...**
La Jarlibro de UEA kaj la Pasporta Servo de TEJO malfermas al vi mondon sen limoj.




**La eldonaĵoj...**
La plej kompleta Esperanta libroservo regalos vin en 1992 per sia renovigita katalogo de pli ol 3 000 libroj, kasedoj, vidbendoj kaj multe pli.

**La kunlaboro...**
La revuoj *Esperanto*, *TEJO-tutmonde* kaj *Kontakto* donas unike vastan perspektivon pri nia movado.
Jen ĉio por efike aktivi, inkluzive optimismon!

*Ne manku al nia komunumo. Aliĝu al UEA.*

Sendu viajn kompletajn nomon kaj adreson, profesion kaj naskiĝdaton kun via kotizo (vd. kotiztabelon sube) al via landa peranto:

**Itala Esperanto–Asocio, Via Villoresi 38, 20143 Milano**

MA Membro-Abonanto (ricevas la Jarlibron kaj revuon *Esperanto*), 52 000 liroj
MA-T Juna Membro-Abonanto (ĝis 29 jaroj – ricevas ankaŭ *Kontakto*-n), 52 000 liroj
MJ Membro kun Jarlibro (ricevas la Jarlibron, sed ne la revuon), 21 000 liroj
MJ-T Juna Membro kun Jarlibro (ĝis 29 jaroj – ricevas ankaŭ *Kontakto*-n), 21 000 liroj
MG Membro kun Gvidlibro (minimuma kategorio), 8400 liroj
DM Dumviva Membro (ricevas la Jarlibron kaj revuon dum la tuta vivo), 1 300 000 liroj

*Olomouc 1991: "La Persono de la jaro" Oløf REVESTAD (S), elektita kaj desegnita de nia kolegino Paola Ambrosetto el Mestre.*



Ĝojplenan Kristnaskon
kaj
prosperan Novan Jaron